# Babilanto

INFORMILO DE AGADO POR LA PROGRESIGO DE ESPERANTO EN TOGOLANDO

n-ro 06 januaro – marto 2014



**K**araj legantoj,

Kian belan kongreson ni kunkune traspertis en Kotonuo! Dankojn kaj gratulojn al ĉiuj organizintoj, subtenintoj, partoprenintoj, artistoj, publiko, pro oferto de tiu grava momento por dividi!

Por daŭrigi en tiu elano, ni rendevuos kun vi pri la seminario SPAMO Afriko ĉi jaron, unu el la plej allogaj studoprogramoj kun spertaj instruistoj el diversaj horizontoj...

Ni ankaŭ preparis bonajn surprizojn por tiu ĉi numero de la revuo: prefere malkovru vi mem!

Ke la nova jaro alportu al vi kaj via familio, sanon kaj sukceson en viaj projektoj.

**[Aĝe Aĝevi]**

*Chers lecteurs,*

*Quel beau congrès nous avons passé ensemble à Cotonou! Merci et bravo à tous, organisateurs, mécènes, participants, artistes, publics, d'avoir offert ce moment génial à partager!*

*Pour continuer dans cet élan, nous vous donnons rendez-vous pour le séminaire SPAMO Afrique cette année, un des programmes d'études les plus alléchants avec les profs chevronnés de divers horizons...*

*Nous vous préparons aussi de bonnes surprises pour ce numéro du journal: lisez-plutôt!*

*Que l'année nouvelle vous apporte ainsi qu'a votre famille, sante et succès dans vos projets.*

***Adjévi Adjé***

## Rezolucio de la kvina Afrika Kongreso

De la 29-a de decembro 2013 ĝis la 04-a de januaro 2014, kunvenante en kulturdomo JoCa en la benina urbo Kotonuo, la 32 partoprenantoj de la kvina Afrika Kongreso de Esperanto el 11 landoj volas komuniki al la tutmonda esperantistaro jenon:

Nia Kongreso okazas deksep jarojn post la kvara Afrika Kongreso en Tanzanio. Ĝi povas okazi pro la granda subteno de UEA, de Institucio Hodler kaj de multaj esperantistoj el ĉiuj mondopartoj kaj ni volas elkore danki al ili.

Nia kongreso estas la unua evento en la jubilia jaro “Montevideo 60“ (1954-2014) kiu celebras la 60-an jarrevenon de la Unesco rezolucio, kaj devas esti konsiderata tiel.

Ne indas esplori pri la kaŭzoj de la personaj konfliktoj en la movado, akuzi antaŭajn gvidantojn, sed ĉiuj devas rigardi antaŭen kaj agadi.

Havi klubojn en liceoj kaj universitatoj estas bone. Sed al tiu celgrupo oni povas aldoni aliajn sociajn tavolojn, kiuj kapablas finance subteni la movadon kaj partopreni Esperanto-kursojn, kongresojn kaj kunvenojn.

La deziro organizi internaciajn renkontiĝojn por perfektiĝi lingve kaj spertiĝi movade ekzistas arde en Afriko. Ni anoncas nun nian pretecon labori por la okazigo en Afriko en la jaro 2016 ekzemple de IJK, UK kaj/aŭ ILEI-konferenco.

Necesas regula okazigo de la Afrika Kongreso, dum kiu renoviĝos aŭ konfirmiĝos la konsisto de la Afrika Komisiono de UEA. Tiu kongreso okazu ĉiun trian jaron.

Afrika Oficejo (AO) efikas kiel montrofenestro de Esperanto en Afriko ; pro tio urĝas modernigi ĝin, por ke ĝi povu kompetente, digne kaj akurate efektivigi la bezonojn de Afrikanoj kaj ĝi (AO) plenumu la decidojn kaj planojn de la Afrika Komisiono.

Afrikanoj klopodu aktive serĉi novajn eblojn por pruvi la utilon de Esperanto en la ĉiutagaj vivagadoj kaj entuziasmigu la rilatojn inter ili reciproke, kaj kun aliaj.

Afriko estas granda kontinento ; pro tio necesas dividi ĝin laŭ geopolitika organiza modelo por ebligi la migradon de Esperanto-renkontiĝoj. Esence temas pri Okcidenta, Suda, Orienta kaj Centra Afriko. Ĉiu regiono estu reprezentata kiel eble plej ekvilibre en la Afrika Komisiono.

Landaj asocioj kaj kluboj afrikaj strebu al memstareco.

Seminario por aktivula maturigo (SPAMO) estas dezirata kaj ĝi povos okazi en iu afrika lando, kie ekzistas forta movado.

**JoCa, Kotonuo, la kvaran de januaro 2014**

**La Kongresanaro**

## UEA alvokas por AMO en Afriko




UEA laboras nun por starigi serion da seminarioj pri Aktivula Maturigo (AMO). Ĝi forte instigis Afrikanojn eluzi la okazon de la kvina afrika kongreso por esplori kaj konsenti pri lando, urbo, dato, temo kaj ankaŭ potencialaj gvidontoj por tia seminario en Afriko. Sed pro tempo-manko ne okazis inter-konsento dumkongrese. Do, UEA decidis inviti proponojn.

Tiukadre klarigas s-ro Stefan MacGill, Vic-prezidanto de UEA: “Jes, *manke de komuna decido el la kongreso, UEA planas inviti proponojn ĝis la 31a de marto, kaj post tio decidi (konsulte kun la Afrika Komisiono). Mi provos pretigi iun gvidilon, kion enhavu peto (sed eble ne sukcesos). Pri dato, ni preferus pliposte en la jaro, ĉar en aŭgusto ni jam havos AMO-3 en Ĉinio kaj AMO 4 en Italio. UEA simple ne havos rimedojn okupiĝi pri Afrika AMO tiam - el nia vidpunkto okt-dec pli oportunos; mi ja esperas, ke almenaŭ unu eksterkontineta gvidanto/ helpanto povu partopreni. Aliaj estu afrikanoj, laŭeble ne ĉiuj el la sama lando*“.

Fine, Stefan MacGill revenas pri la kondiĉoj por inviti AMOn : “*La proponoj devos havi: landon, urbon, eĉ ejon (aŭ eblajn ejojn), ĉef-tem-proponon, serion da gvidantoj kun laŭeble ties subtemoj kaj datojn. Ankaŭ ĉu la seminario estos memstara, aŭ kadre de alia aranĝo. Ankaŭ buĝet-propono*“.

**Adjévi Adjé**

## LA AFRIKA ESPERANTISTARO PRETAS INVITI LA MONDON




La 4-an de januaro finiĝis la 5-a Afrika Kongreso de Esperanto, kiu dum unu semajno disvolviĝis en la benina urbo Kotonuo kun 32 partoprenantoj el 11 landoj. Krom la afrikaj landoj Benino, Burundo, Ebur-Bordo, Kamerunio, Niĝerlando, Senegalo, Sud-Afriko kaj Togolando, reprezentitaj estis ankaŭ Haitio, Svedio kaj Svislando. Inter la partoprenantoj estis kvar el la sep membroj de la Afrika Komsiono de UEA, interalie ĝia kunordiganto Adjévi Adjé, kaj tri el la dek ankoraŭ vivantaj afrikaj kongresanoj de la jubilea UK en Varsovio en 1987. Ekstermovadan prestiĝon donis la partopreno de la vicurbestro de Kotonuo, s-ro Augustin Houessinon, kiu parolis en la inaŭguro kaj la fermo.

La kongreso estis kunorganizita de tri partneroj: Afrika Komisiono de UEA, Asocio de Beninaj Esperantistoj (landa asocio de UEA) kaj la svisabenina neregistara organizaĵo "Scio Sen Bariloj". En la programo estis 18 prelegoj kaj unuhora Skajpa kunveno kun la Novjara Renkontiĝo en Germanio. En la Silvestra Vespero oni dancis, dum la lasta vespero, la 3-an de januaro, estis nacia vespero, en kiu prezentiĝis tri muzikgrupoj. Okazis ankaŭ sesio de Internaciaj Ekzamenoj de ILEI kaj UEA. Pri la dua nivelo sukcesis unu kandidato kun la noto "Bone", pri la tria nivelo du kandidatoj kun la noto "Tre bone".

La kongresa rezolucio esprimis dankojn al UEA, Institucio Hodler '68 kaj multaj individuaj esperantistoj el ĉiuj mondopartoj, kies subteno ebligis okazigi la kongreson, 17 jarojn post la 4-a Afrika Kongreso en Tanzanio. La rezolucio emfazis la neceson de internaciaj Esperanto renkontiĝoj kiel rimedo por spertiĝo kaj lingva perfektiĝo de la movado en Afiko. Tiucele oni esprimis pretecon okazigi IJKon, UKon kaj/aŭ ILEI-konferencon en Afriko, eĉ jam en 2016. La rezolucio pledas ankaŭ por modernigo de la Afrika Oficejo de UEA en Lokossa, Benino, kiel montrofenestro de Esperanto en Afriko.

**Ĉu vi jam pagis vian membro-kotizon?**
**Per viaj kotizoj UTE kovras elementajn kostojn**

## Les espérantistes africains se déclarent prêts à inviter le monde

*Le 4 janvier a pris fin le cinquième Congrès Africain d'Espéranto qui s'est déroulé durant une semaine dans la ville béninoise de Cotonou et qui a regroupé 32 participants provenant de onze pays. En plus des pays africains suivants : Bénin, Burundi, Côte d'Ivoire, Cameroun, Niger, Sénégal, Afrique du Sud et Togo, le congrès a également accueilli des participants de Haïti, de Suède et de Suisse. Parmi les participants se trouvaient 4 des 7 membres de la Commission Afrique de l'UEA, et le coordinateur de la dite Commission Monsieur Adjévi Adjé. On notait aussi la présence de 3 des 10 membres encore vivants de la délégation africaine au Congrès Mondial de 1987 à Varsovie, Congrès qui marqua le centième anniversaire de la naissance de l'Espéranto.*

*La présence et la contribution lors de la cérémonie d'ouverture et de la clôture du Congrès de Monsieur Augustin Houessinon, adjoint au maire de Cotonou, ont relevé le prestige de cette réunion internationale.*

*Trois organisations ont collaboré pour mettre sur pied ce Congrès : La Commission Afrique de l'UEA, la Société des Espérantistes Béninois et l'ONG « Savoir Sans Barrières ».*

*Le programme du Congrès fut très riche avec 18 conférences et une séance d'une heure par skype avec les participants d'une rencontre internationale en Allemagne. La Saint Sylvestre le 31 décembre a permis aux congressistes de danser, et la soirée culturelle finale le 3 janvier a regroupé trois groupes musicaux locaux à la grande joie des non-Béninois. Durant le Congrès a eu lieu une session des Examens Internationaux. Pour le deuxième niveau, un candidat a réussi avec mention BIEN. Pour le troisième niveau, deux candidats ont réussi avec mention TRES BIEN.*

*La résolution adoptée par les congressistes lors de la clôture contenait des remerciements à l'adresse de l'UEA et de l'Institut Hodler 68 tout comme des remerciements à une grande quantité d'espérantistes dans le monde entier, qui ont généreusement soutenu le congrès, le cinquième du nom après celui d'Arusha en Tanzanie en 1996. La résolution a souligné l'importance de telles rencontres internationales comme moyen de découvrir d'autres cultures et de se perfectionner dans l'usage de la Langue Internationale Espéranto. Dans ce but, les espérantistes africains se déclarent prêts à mettre sur pied, déjà en 2016, le Congrès Mondial des Jeunes, la Conférence Mondiale d'ILEI et/ou le Congrès Mondial d'UEA. La résolution plaide également pour une modernisation du Bureau Africain pour l'Espéranto situé à Lokossa, qui sert de vitrine de l'Espéranto pour l'Afrique.*

*On peut voir des photos de ce Congrès sur http://mirejo3.blogspot.com/2013/12/kvina-afrika-kongreso.html*

## Sesio de Internaciaj Ekzamenoj de ILEI/UEA dum la kvina Afrika Kongreso




Por la dua nivelo aliĝis 6 personoj al la gramatika testo. Unu sukcesis.

Tiu ĉi kandidato sukcesis en la tuta ekzameno kun komento BONE. Li estas Kossi Nouwatsi Sénam el Togolando.

Por la tria nivelo aliĝis 2 personoj kaj ambaŭ sukcesis kun komento TRE BONE. Ili estas Emile Malanda DR Kongolandano, nun loĝanta en Sudafriko kaj Edah Kossi, togolandano nun loĝanta en Benino.

**Gratulojn al ili!!!**

**La revuo «*BABILANTO*»**
**Redaktoras: Adjé Adjévi**
**Adreso: 06 BP 61807, Lomé-TG;**
**Tel : +228 90 25 75 49**
**E-mail : adjevia@gmail.com / adjevia@yahoo.fr**
**UEA konto: «adai_o»**

# Afrika Kongreso en Kotonuo: restis bonegaj impresoj...




En Kotonuo ne kredeble, renkontiĝis multaj Afrikanoj nome reprezentantoj el ok afrikaj landoj: Benino, Burundo, Ebura Bordo, Kameruno, Niĝerlando, Senegalo, Sudafriko kaj Togolando same, partoprenantoj el Haitio, Svedio kaj Svislando en Benino dum unu semajno en la kultura centro JoCa, de la 29-a decembro 2013 ĝis la 4-a de januaro 2014, okaze de la Kvina Afrika Kongreso de Esperanto...


ludoj dum interkona vespero

Prelegoj, ekzamena sesio, ludoj, laboraj grupoj, babiladoj, atelieroj, kunmanĝoj, ekskursoj, spektakloj jen tio, kio konsistigis la programon dum plena semajno...



Inter la 32 partoprenantoj estis 4 el la 7 membroj de la Afrika Komisiono de UEA. Oni ankaŭ rimarkis la ĉeeston de 3 el la 10 vivantaj membroj de la Afrika delegacio al la UK 1987 en Varsovio, la kongreso, kiu markis la centan datrevenon de la naskiĝo de Esperanto! Disdono de donacaĵoj fare de la prezidanto de SSB sinjoro Privas Tchikpè al ĉiuj landaj reprezentantoj.








4 el la 7 membroj de la Afrika Komisiono



Restis bonegaj impresoj pri Benino kaj kreiĝis novaj amikecoj inter ĉeestintoj de la kongreso. Multaj el ili poste restis por daŭrigi dum kelkaj tagoj rondvojaĝojn tra Benino, helpe de diverslokaj samideanoj.






Laŭ la statistikoj de la ĝisnunaj Afrikaj Kongresoj, la nombro de la partoprenantaj landoj el Afriko al la kvina kongreso kaj la nombro de la prelegoj kaj aliaj programoj estis la plej altaj ĝis nun. La 6-a kongreso okazos propable jarfine 2016 kaj jarkomenco 2017. Interesitoj turnu sin al afrika.oficejo@gmail.com aŭ adjevi.adje@hotmail.com


Latifou el Benino


Jeremi el Burundo


Antoine, Ebura Bordo


Wang, Kameruno


Boukari, Niĝerlando


Assane, Senegalo


Emile, Sudafriko


Adjevi, Togolando


Anita , Svedio


Evelson, Haitio


Mirejo, Svislando

# Agadraportoj de UTE en la jaro 2013

La estraro de UTE, en ĉeesto de averaĝe tri membroj kunvenis 10 fojojn en la jaro. Ĝi plie kunsidis kun la estraro de JOTE, la Gvidantaro de la komitato la 09-an de februaro kaj ankaŭ partoprenis en la du plenaj komitatkunsidoj marte kaj novembre en Lomeo. La kunsidoj de la gvidaj instancoj disvolviĝis en pozitiva etoso, kiel ankaŭ la kunlaboro inter ili.

Okazis daŭra flegado, ĝisdatigo de la komunik-listoj de togolandaj esperantistoj. Freŝaj novaĵoj pri Esperanto en Togolando regule estas afiŝitaj tie.

Diversnivelaj kursoj (komencantoj, progresantoj, konversacioj) funkciis en kluboj, sekcioj kaj kunlaborantaj organizaĵoj de UTE. En rilatoj kun Tietti Instituto de Esperanto en Togolando - TIETo, de la 19-a de aŭgusto ĝis la la 20-a de septembro 2013, la estraro aranĝis ĉeestajn kursojn por tutkomencantoj kaj progresantoj en Lomeo. La 1-an de oktobro 2013 okazis ekzamensesio. Sin prezentis 5 kandidatoj por la meza nivelo kaj nur unu sukcesis.

Sendiĝis la agadraportoj 2012 kaj planoj pri agadoj en 2013 al la Afrika Oficejo kaj al la CO de UEA. Tio ebligis subvencion de 300 eŭroj el UEA por Togolando en la ĵus pasinta jaro.

Estis elektita s-ro Anoumou Adjété Francois, la respondeculo de la luita ĉambro de UTE. La ĉefa devo de Anoumou estas teni ĉiam pura la ĉambron, ties enhavaĵojn kaj ĉirkaŭaĵojn. Post multjara ne-uzo de la ĉambro pro manko da aktivaĵoj en ĝi, ĝi nun ek-funkcias kiel la kunvenejo de la estraro kaj la biblioteko “Hans Bakker“ de UTE. Por eventuala esploro aŭ vizito oni bonvolu antaŭe telefoni al la respondeculo je: 91 56 31 35.

Kanutiĝis por la jaro 2013 du pliaj aktivuloj, nome de s-roj Akpayedo Kodjo, Avoussou Olivier. Ambaŭ ricevis sian UEA membro-karton kaj ankaŭ regule ricevis la revuon ESPERANTO kaj aliajn servojn de UEA, kiujn rajtas ricevi ĉiuj aliaj membroj.

La komitato en sia sesio de la 2-a de marto 2013 decidis altigi la kotizojn de UTE membroj. La novaj kotizoj estas jen fiksitaj: 2.000 FCFA por laboruloj kaj 500 FCFA por meti- kaj lernantoj.

La 25-an de aprilo 2013, UTE estas oficiale registrita fare de la ŝtato sub la numero 0349. Tiu agnosko leĝe konfirmas UTE kiel asocion agantan por la disvastigo de Esperanto en Togolando ĉe enlandaj instancoj.

Renoviĝis la rilatoj kun FTACU: Federacio Togolanda de Asocioj kaj Kluboj UNESCO pere de vizitoj al ties prezidanto. Tiu ĉiu per letero invitis UTEn partopreni en la internacia tendaro, kiun organizis la Federacio en la ĵus pasinta aŭgusto en la plej norda urbo Dapaong.

Stariĝis tra la ĵus forpasinta jaro rilatoj, precipe kun kluboj en la zono de Aneho kaj Lomeo cele al ties revigligo. Kontaktoj okazis telefone kaj foje ĉeeste kun tiuj klubestroj.

Decidiĝis financa subteno al JOTE, Tejo sekcio en Togolando por ebligi ties agadojn en 2013. La destinita sumo egalis al 20% de la ricevita subvencio de UEA.

Antaŭ sia revojaĝo al Italio post du-semajna restado en Togolando kadre de la kurso de la Afrika Komisiono organizita en Lomeo, Paola Giommoni donacis al UTE dudekon da valoraj libroj, kiujn ŝi kolektis en Italio antaŭ sia vojaĝo al Togo-lando. Dankon al ŝi.

La 21-a Togolanda Esperanto Kongreso (TEK) okazis sukcese en Lomeo de la 20-a ĝis la 21-a de decembro 2013. La evento sinsevke gastis en Instituto Zamenhof kun forta partopreno de tieaj gelernantoj. Unu el la diskutoj, kiu ĉefis kiel la kongresa temo: "Zamenhof Kaj Mandela, du mal-samaj homoj kun sama destino".

Kvar togolandaj geesperantistoj propra-iniciate ĉeestis la kvinan Afrikan Kongreson en la benina urbo Kotonuo jarfine 2013. Du el ili t.e Kossi Sénam Nouwatsi kaj Edah Kossi respektive trapasis sukcese kun mencio “tre bone“ la dua- kaj la tria- nivelon de la movadaj ekzamenoj de ILEI/UEA.

La ĉefaj malfacilaĵoj kuŝis en tio, ke la financoj de UTE daŭre ŝrumpis pro: a) malkresko de la subvencio de UEA, b) membroj de UTE ne regule kaj akurate pagas sian jarkotizon al UTE c) nehavo de enspeziga aktivaĵo propra al UTE. Al tio aldoniĝas malkunlaboremo de iuj membroj kaj indiferenteco de aliaj pri la komunuaj agadoj en Togolando.


La Estraro de UTE por la oficperiodo 2012—2014

**Raportis: La Estraro de UTE, Lomeo, la 12-an de januaro 2014.**

--

**Agbéhou Yaovi kaj Adjévi Adjé, Sekretario kaj Prezidanto de UTE**

## Ke 2014 estu la jaro de reakiro de la antaŭa prestiĝo de UTE

En Unuiĝo Togolanda por Esperanto (UTE) ni jam komencis preparlaboron de la 22-a Togolanda Esperanto Kongreso, kiu okazos en semajnofino de decembro 2014.

Ni ankaŭ kandidatigis nian landon por organizo de SPAMO (Seminario Por Aktiva Maturigo) en Afriko por renovigi la rilatojn kun UEA, revivigi la etoson de internaciaj aktivaĵoj en Togolando, tiel ke nova generacio de enlandaj esperantistoj kaj najbarlandaj povu lertiĝi por daŭrigi la komunan laboron.



Ni faris proponon pri Kanutigo en la jaro 2014 de du aktivaj membroj kaj de la landa asocio UTE.

Ni laboros por reakiri la antaŭan prestiĝon de UTE, kiu intertempe ĝuis statuson de unu el la plej organizita kaj modela landa asocio de UEA en Afriko.

**La Estraro**

# Zamenhof-Tago Togolande

La Zamenhof-Festo ĉijare por lomeaj esperantistoj kaj amikoj estis la tago por revidi samideanon Adjévi Adjé, kiu ĵus rehejmiĝis post kelkaj monatoj en la lito de hospitalo pro trafikakcidento pasintjulie. En tiu tago oni povis vidi kaj diskuti kun li pri lia akcidento, sed ankaŭ pri la laboro de APETo (iniciatinto de la Tago) kaj ties perspektivoj por la venonta jaro.

La kulmino de la labora parto estis la renovigo de la estraro de APETo. Por la du venontaj jaroj, s-ro Kouevigan Koffi Jérôme nome de la nova prezidanto kune kun du aliaj estraranoj gvidos la Agadon en la perspektivo plu gradi ĝin je nivelo de unu el la plej aktivaj kunlaborantaj organizaĵoj de la landa movado en Togolando.

En la programo estis duonhora perSkajpa kunveno kun Esperanto-grupo en Germanio. Sed pro teknikaj problemoj tio ne povis okazi. Tamen la festo daŭris horojn kaj oni kunkantis la himnon Espero, interdiskutis pri interesaj temoj kaj ankaŭ kunmanĝis.

Kantlernigo fare de s-ro Agbassou Kouessanvi kaj grupa fotiĝo fermis la feston en gaja etoso. Dankon al ĉiuj partoprenintoj kaj ĝis venontjare!









# Togolanda Esperanto Kongreso jam dudek-unuan fojon!

La 21-a Togolanda Esperanto Kongreso (TEK) ankoraŭfoje kaj sinsekve okazis en Instituto Zamenhof (IZo), lernejo kies valoro en kaj ekster Esperantujo ne plu estas priskribinda. La renkontiĝo disvolviĝis sukcese kun forta partopreno de la gelernantoj de




IZo de la 20-a ĝis la 21-a de decembro 2013.

*"La gelernantoj de Instituto Zamenhof pruvas, ke ili pretas daŭrigi la laborojn de la antaŭuloj. Jen ili savis la 21-an Togolandan E-Kongreson"*, komentis unu el la plej elstaraj esperantistoj togolandaj. Fakte, IZo lernejanoj diversmaniere helpis en la kongresa organizado kaj oni povas diri, ke danke al ili povis okazi dutaga Kongreso.

La 20-an de decembro komenciĝis la kongreso per ekskurso. La sekvan tagon estis la apoteozo kun diskutoj kaj la ĉefa temo estis: *"Zamenhof kaj Mandela, du malsamaj homoj kun sama destino"*.

Per tiu ĉi temo, la organizantoj elmontris al la kongresanoj la similaĵojn en la laboro de Zamenhof kompare kun tiu de Mandela al la popoloj de Sudafriko kaj kiel la laboro de tiuj du personoj kontribuas al la paco, interkompreniĝo, toleremo, solidareco en la mondo. "*Ajn objektiva observanto estus asertinta, ke tiuj du historiaj figuroj estas nekontesteble ligita laŭ sorto. Ni eĉ kuraĝas diri, ke Nelson Mandela estas la enkarniĝo de Lazare ZAMENHOF laŭ vidpunkto de siaj idealoj*", tiel konkludis la organizantoj.

Por multaj el partoprenintoj, la 21-a kongresa etoso estis vere ĝojiga kaj ĝuinda pro diversaj ludoj kaj interesigaj eroj, kiuj konsistigis la kongresan programon.

## Samba Faye: Lasu min Kanti



*Saluton!*

*Estas tre longe sed mi esperas ke vi memoras pri mi.*

*Estas Samba Faye, mi eĉ trapasis la ekzamenon de ILEI/UEA en decembro 2012 en Senegalo kun Assane Faye kaj mi sukcesis ĉe la unua nivelo.*

*Hodiaŭ mi malkovrigis al amaso da junuloj la lingvon Esperanto, mi prezentis "Lasu min kanti" en unu el la plej grandaj koncertoj hip-hop organizata en mia lando. Multaj personoj komencis interesiĝi pri la lingvo danke al mi.*

*Estis multe da homoj kaj preskaŭ la tuta kremo de Senegala hiphop ĉeestis.*

*Mi eĉ havis la videon kaj mi enretigis ĝin. Jen la ligilo al ĝi, dum mi kantas Esperante en la koncerto en Rufisque.* [http://www.youtube.com/watch?v=HSc3ponczDQ&feature=youtu.be](http://www.youtube.com/watch?v=HSc3ponczDQ&feature=youtu.be)

*Nun mi havas multajn amikojn-esperantistojn en facebook kaj lernu.net. Ili pli ofte helpas al mi korektante miajn tekstojn kaj mi eĉ pretigas min por registri KDon en Esperanto kun 20 kantoj.*

*Tamen, mi informiĝis pri la Kongreso en Kotonou, kaj mi ŝatus veni, sed mi ne povas pagi por la bileto.*

***Muzike Salutas***
***Sambo***

# KINKANI N'KANU: "la dua lingva festivalo okazonta en Colmar bezonas vian kontribuon"

Karaj Gesamideanoj!
Kun granda plezuro, mi alsendas al vi mian artikolon kiu aperis en la Franca revuo A.C.O de (Action Catholique Ouvrière) n°558 de januaro kaj februaro 2014.
Ni esperantistoj ne nur povas publikigi niajn artikolojn en esperantrevuoj sed ankaŭ ni devas multon aperigi en ne-esperant-revuoj, ĉar multege da personoj kiuj ne scias ke ekzistas Esperanto povos ekscii ke estas lingvo en la mondo, kiu povas helpi ilin interkonpreniĝi senlingvaj baroj.
Kore salutas
Fernando KINKANI N'KANU
Telefono: (0033) 06 23 18 88 76

Témoin

# L'Espéranto, cette espérance

**Haut-Rhin (68) Fernando Kinkani N'Kanu, en équipe ACO sur Colmar, nous parle de cette langue internationale qu'il œuvre à mieux faire connaître.**

Né en Angola, j'ai aujourd'hui 58 ans, je suis marié et père de 6 enfants. Avant, j'étais déclarant en douane (transitaire). Je suis en France depuis 2010 et j'habite un foyer ADOMA en Alsace. En 1961, j'avais 5 ans, ma famille s'est exilée au Congo démocratique suite à la guerre coloniale. C'est là-bas que j'ai 'rencontré' l'Espéranto en 1991, en lisant *Une humanité et une langue*. J'étais touché, le livre ne parlait pas seulement de la langue mais aussi de la répartition de la richesse dans le monde entre tous les habitants de la planète. La Terre, la Vie est un don que Dieu a donné à tous. Ce n'est pas pour qu'une minorité se l'accapare.

## Langue internationale

L'Espéranto est une langue internationale qui n'a pas de nationalité, elle est donc neutre. C'est la langue de la Paix, elle renforce l'amitié entre les peuples de différentes langues et cultures. Elle existe depuis 1887.

Depuis que je suis ici, je voyage beaucoup dans le cadre du congrès Espérantiste. Je suis allé en Allemagne, en Suisse, en Italie, j'ai parcouru la France. Dans nos congrès, une vingtaine de nations sont présentes et on ne parle qu'une seule langue : l'Espéranto. Nous pouvons communiquer sans interprète, ni traducteur. Pour moi cette langue, c'est la langue de la Fraternité.



**Cette langue renforce l'amitié entre les peuples**

## La faire connaître

Après ma rencontre avec un journaliste 'culture' des *Dernières Nouvelles d'Alsace*, ignorant l'existence de l'Espéranto, j'ai décidé d'organiser un festival de la langue « Afro-Alsa-Espérantophone » où on parlerait des langues Africaines, de l'Alsacien et de l'Espéranto, pour les faire connaître.

En tant que chrétien catholique, j'ai présenté d'abord ce projet au curé de la paroisse, Jean-Claude. Puis j'ai rencontré le maire du village d'Ingersheim qui est président d'une association de défense de la langue Alsacienne. Caritas et la paroisse nous ont soutenus par la location d'une salle et pour divers frais. Les associations Espérantistes d'Alsace ont contribué en faisant venir les orateurs de Belgique. Nous étions environ 80 personnes présentes. Les espérantistes des 2 pays limitrophes, l'Allemagne et la Suisse, ont participé. C'est rare d'être aussi nombreux dans nos rencontres. De plus, le lendemain j'ai été invité à participer à une réunion de l'association mondiale des entrepreneurs du bâtiment espérantophones. Ils m'ont demandé de leur présenter un projet de construction d'une école professionnelle du bâtiment dans mon pays. Depuis, le projet a été présenté le 17 novembre 2013 au siège de l'association à Colmar. Beaucoup ne croyaient pas à cette utopie-là, c'est la majeure difficulté que nous ayons rencontrée. En 2014, la deuxième édition aura comme thème : la discrimination linguistique.

En Genèse 11, 6 il est écrit *« Eh, dit le Seigneur, ils ne sont tous qu'un peuple et qu'une langue et c'est là leur première œuvre ! Maintenant, rien de ce qu'ils projetteront de faire ne leur sera inaccessible ! »*. Alors, si le monde parle une seule langue, tout ce que nous projetterons (la paix, résoudre la faim...), nous serons capables de le faire. Le jour de la Pentecôte, les apôtres tous Galiléens, ont parlé et toutes les nations ont écouté. L'important pour Dieu c'est que son message soit compris de tous, non gêné par des barrières linguistiques.

*Fernando Kinkani N'Kanu, avec la participation de Pascal Eigenmann*

**Contact :**
Courriel : angolafernando@yahoo.fr